,Mutig vorwärts!' ,Kuraĝe antaŭen'

# Aŭstria Esperantisto
## (Österreichischer Esperantist)

Oficiala organo de Aŭstria Esperanto-Asocio

9a jaro. N-o 8/9 Monata Aŭgusto-Septembro 1932

Redaktejo: Wien, I., Neue Burg (Tel. R 27-803).

Administrejo: Bisamberg, Bundesstraße 154.

Konto bei der Postsparkasse D-123.826 u. 36.783 (Sparkasse Korneuburg).

Jarabono (komencebla ĉiumonate): Por aŭstrianoj aŭ S 4.88, germanlandanoj RM 3.25 alilandanoj sv. fr. 4.25; ponumere: por enlandanoj 45 aŭ. g., eksterl. 55 aŭ. g.

Nicht zeitgerechte Abbestellung unseres Organs verpflichtet zum Weiterbezug.

### Aus aller Welt.

A. Purcell (England): Mit größter Aufmerksamkeit verfolgen wir die gewaltigen Fortschritte des Esperanto, besonders in dem Teil der Arbeiterklasse, die schon ihren Sieg errungen hat. Die Bewegung einer Hilfssprache wird bis zum nötigen Schwung wachsen und sich ein für allemal einbürgern. Und diesen Fortschritt werden wir den Pionieren zu danken haben, die einst für Esperanto kämpften. Darum begrüße ich alle Esperantisten und hoffe, daß ihre erhabene Arbeit auch weiterhin sehr wertvolle Früchte bringen wird."

(Der Arbeiter-Esperantist)

Portugal. Der Kongreß für Radiotelephonie hat sich in einem Beschlusse dafür ausgesprochen, daß Esperanto als internationale Radiosprache erklärt werden möge. Bei der nächsten Radio-Konferenz in Madrid soll hiefür eingetreten werden.

Der Stadtrat von Madrid hat beschlossen, einen großen Platz der Hauptstadt nach Dr. Zamenhof zu benennen.

Die Handelskammer von Orléans, Frankreich, gibt unter dem Titel „Kion la provinco Orléanais povas liveri al vi" („Was die Provinz Orléans Ihnen liefern kann") eine Aufstellung aller Artikel der Industrie und der Bodenbebauung der Provinz in Esperanto und versendet diese in alle Welt.

### Internacia Laboroficejo, Genève.

Kiel nova direktoro estis elektata s-ro H. B. Butler, antaŭa adjunkta direktoro, kiu de komenco partoprenis la agadon en la Oficejo.

## Mortis la granda Aŭstriano.

En sanigejo Pernitz, proksime de Wien, mortis en sia 56. vivjaro prelato d-ro Ignaz Seipel, iama ĉefministro de Aŭstrio.

Mi citu la esencon el nekrologo, kiun faris la parlamenta prezidanto, d-ro Karl Renner (social-demokrato) en la kunsido de l' parlamento:

„La parlamento de la respubliko priploras la elmondiĝon de membro, kies genieco estris la unuan jardekon de ĝia estado. La ĉefverko de la elmondiĝinto, kiu okupiĝis pri la novordigo de nia per la milito ruinigita politika ekonomio — la efika reprezentado de Aŭstrio antaŭ la forumo de Ligo de Nacioj, la certigo de l' dekreto de L. de N. kaj la kun tiu ligita leĝdonadoj financa kaj ekonomia — fariĝis fundamenta por nia tuta ŝtata kaj ekonomia evoluiĝoj.

Jupli mizera la tempo estas, despli grandaj la kontraŭoj — ili estas ne eviteblaj kaj ankaŭ sanigaj. En tiaj tempoj estas la devo de ĉiu civitano esti partiano.

La konfeso al iu partio ne malhelpu la rekonon de la personeco ankaŭ de kontraŭulo. Ignaz Seipel estis eksterordinara, eminenta kaj plene individua uleco. Mi dezirus karakterizi ĉi tiun individuecon per tio, ke li batalis kun scienca konscienco por la politikaj problemoj de ĉi tiu

tempo kaj provis ilin superi per plej profunda persona seriozeco . . .

En unu el siaj verkoj „La kristana ŝtatisto“ li esploras la esencon kaj la devojn de ŝtatisto. Ŝtatisto laŭ li ne estas profesio, sed ĉiu, kiu estas ŝtatisto, estas tia laŭ destino. Elektata estas la kapabla plejofte pro la mizero de la popolo. Sendube Ignaz Seipel desegnas sin mem en ĉi tiu verko kaj lia agado atestas liajn teoriojn. Kun profunda scienca seriozeco, instigata de la plej fortaj efikaj kialoj — elektita en la parlamenton — li sin dediĉas entute al la ekstera kaj persona destino de ŝtatisto, disponigas sian tutan vivon ekskluzive en la servon de la tasko, kiun li rekonis ĝusta laŭ sia mondpercepto kaj sia scienca konvinko, kaj li servas al ĝi kun arda sindediĉo ĝis sia lasta enspiro!

Tiel li fariĝis tiu, kiun admiras amiko kaj kontraŭulo, la modela ŝtatisto, la modela partiestro! Estas granda tragiko en la sorto de ĉi tiu ŝtatisto, ke malsano finis tiel frue lian agadon. Lia partio, la publika vivo, parlamento kaj ŝtato estas suferintaj neanstataŭeblan perdon Sed lia nomo jam nun apartenas al la historio de la respubliko kaj en ĝi pluvivos dum eterno kaj en honoro. Lia memoro daŭre restos en ĉiuj, kiuj havis okazon labori kun li, sed ankaŭ en ĉiuj, kiuj krucigis kun li la batalilojn sur la areno de la ideoj, soldato kontraŭ soldato!“

Seipel naskiĝis la 19. de julio 1876 kiel filo de fiakristo en Wien. Liaj gepatroj baldaŭ mortis kaj du onklinoj edukigis lin. En gimnazio li estis modela studanto, modesta, celkonscia kaj energia junulo. Sekvis la studado en la teologia fakultato de Wien-a Universitato, en 1899 li fariĝis sacerdoto kaj estis subparoĥestro unue sur la kamparo kaj poste en Wien, kie li fariĝis doktoro de teologio, en 1908 privutdocento por moralteologio kaj en 1909 profesoro en la teologia fakultato en Salzburg. 1917 Seipel venis en Wien-an Universitaton kiel profesoro de teologio kaj profesoro Lammasch, la fama profesoro por interpopola juro, lin instigis al la politiko. En 1918 li estis ministro. Post la renverso li estis elektata parlamentano, sed jam en 1920 li estris la kristansocian partion. 1922 li fariĝis ĉefministro, li haltigis la senvalorigon de l' ŝilingo kaj la 4. oktobro li finis la kontrakton kun L. de N., per kiu li sanigis Aŭstrion. En somero 1924 la laboristo Jawurek faris atencon kontraŭ Seipel, kiu estis ege vundata per la kuglo, kiu restis en lia pulmo. En novembro 1924 li rezignis kaj la 20. oktobro 1926 li la duan fojon kaj la 19. majo 1927 la trian fojon fariĝis ĉefministro ĝis 1929. Lia malbona sanstato lin devigis poste rezigni je la estreco de la kristan-socia partio.

Seipel estis inter la politikistoj de nova Aŭstrio eble la sola ŝtatisto grandformata kaj rekonata kiel tia en tutmondo. Kiel privatulo li estis de korekteco neatakebla; en siaj pretendoj de la plej granda modesteco, li loĝis en siaj modestaj du ĉambroj en la monaĥinejo de la Salesiana ordeno; por lia modesta vivo li ne bezonis multon kaj la resto de siaj enspezoj kiel ĉefministro kaj parlamentano iris en la poŝojn de la malriĉuloj kaj mizeruloj.

Ni esperantistoj multe perdis per la morto de ĉi tiu grandanima homo. Kiam mi komencis efektivigi la planon pri fondo de Internacia Esperanto-Muzeo en Wien, mi min unue turnis al la tiama ĉefministro d-ro Seipel, sukcesis lin interesigi por la ideo kaj li kiel unua eniris la Internacian Honoran Komitaton, ne restante nur Honora Komitatano, sed helpante kaj favorigante miajn laborojn. Al li mi dankas, ke la Muzeo ricevis la unuajn ejojn en Liebiggasse kaj poste en Annagasse en tempo, kiam oni en la urbo ne povis ricevi ĉambreton. Lia nomo en la listo de la Muzeo poste instigis ankaŭ aliajn eminentulojn al subtenado kaj helpo.

En 1926 Seipel sendis al mi jenajn vortojn: „La tendencojn de via laboro kaj de la movado, al kiu ĝi servas, mi plej kore salutas. Ankaŭ tiu, kiu ne estas esperantisto kaj akcelas la interpaciĝon inter la popoloj por sia persono pere de aliaj rimedoj, devas rekoni la grandan kaplaboron, kiu necesis al kreado kaj divastigado de mondlingvo — ne ofendante per ĝi la naciajn sentimentojn kaj ne minacante la nature estiĝintajn lingvojn — kaj ĝoji pro ĉi tiu kunlaboro".

En 1927 en Wien en la grandmagazeno Herzmansky dum 8 semajnoj estis grandega Esperanto-ekspozicio kaj ankaŭ ĉefministro Seipel vizitis ĝin kaj restis duonhoron. Trairante la magazenon Seipel diris en sia trankvila, modesta maniero: „Ĉi tie mi ne ankoraŭ estis. Kion mi do aĉetus, ĉar mi nenion bezonas."

Por Int. E-Muzeo: Steiner

---

## Schober, la granda patrioto, mortis!

Post d-ro Ignaz Seipel nun ankaŭ d-ro Johann Schober, lia fama kontraŭaktoro en la politiko, foriris la 19. de aŭgusto el ĉi tiu mondo. Ankoraŭ el la malsanulejoj ambaŭ interŝanĝis mallongtempe antaŭ la morto de d-ro Seipel repacigajn salutojn.

Nun ili foriris de ni kaj eniris la historion de sia super ĉio amata patrolando.

Johann Schober naskiĝis la 14. de novembro 1874 en Perg, frekventis la gimnazion en Linz, studadis en la universitato en Wien la sciencojn juran kaj politikan kaj ekdeĵoris ĉe la policdirekcio Wien en 1898, kies prezidanto li fariĝis en 1918 post la renverso. En la unua tempo de sia prezidanteco okazis la provoj de bolŝevika renverso en Wien kaj Aŭstrio. (17. aprilo kaj 15. junio 1919), kiuj bedaŭre kaŭzis oferojn de homoj.

Trifoje Schober estis aŭstria kanceliero (ĉefministro) en 1921, 1922 kaj 1929, sed li ĉiam poste reiris sian postenon kiel policprezidanto, ĉar al lia polica ofico apartenis lia tuta koro.

1922 li partoprenis la grandan ekonomian konferencon en Genua kaj havis grandan sukceson, ke preskaŭ ĉiuj potencoj estis donintaj sian konsenton, repreni siajn garantiajn rajtojn.

Pro la sangaj okazaĵoj la 15. de julio 1927 en Wien, kiam oni bruligis la palacon de justeco, Schober — tiam denove policprezidanto — estis multe atakita de la socialdemokratoj. Sed la tiama registaro sub d-ro Seipel tute konsentis lian agadon pro la bono de nia patrujo.

Kiel ĉefministro en 1930 li havis la malagrablan taskon, mildigi la sekvojn de la ruiniĝo de Bodenkreditanstalt (Banko) en kio li sukcesis per la kunigo de ĉi tiu instituto kun Kreditanstalt. Por aranĝi la internan krizon li tiam je postuloj de Heimwehr voĉdonigis leĝon pri ioma aliformiĝo de la konstitucio.

Kiel ministro por eksteraj aferoj Schober dum januaro 1930 sukcesis en Haag-a Konferenco la financan liberiĝon de Aŭstrio de la premantaj katenoj de la packontrakto.

Unu monaton poste li vojaĝis Italujon, faris sian amikan viziton kaj arbitracian kontrakton en Roma. Ankaŭ en London kaj Paris li faris vizitojn kaj diris la poste ofte cititan diron pri „unu popolo en du ŝtatoj" (Germanujo kaj Aŭstrio).

La 9. de novembro 1930 li estis elektita deputito kiel gvidanto de nova politika partio „Schoberblock".

Kiel vickanceliero kaj ministro por eksteraj aferoj li ellaboris la gravan projekton de limdepag-unio aŭstriagermana, kiu devu helpi Aŭstrion el ĝia ekonomia mizero. Ke la projekto estis bona kaj grava, montras la granda ekscito, kiu regis pro tio en la „Venkintaj ŝtatoj" kaj kiu sekvigis la decidon de la Haag-a Arbitracia Forumo kun la malpermeso de la proponita Unio.

Nur en 1932 Schober rezignis kiel ministro; dum lia plua funkcio kiel parlamentano li estis malŝarĝita de

sia funkcio kiel policprezidanto; sed ĝis en siaj lastaj tagoj li tamen okupiĝis — eĉ vere malsana kaj post tre danĝera operacio — pri multaj aferoj de sia ofico kiel policprezidanto.

Kiel dum sia tuta vivo Schober ĝis en siaj lastaj momentoj sur ĉi tiu mondo estis vera reprezentanto de la fama malnov-aŭstria oficisto — korekta, devkonscia, diligenta, ĉiam preta servi al la pubiko, vere brila modelo por siaj subuloj!

Ni citu kelkajn vortojn el letero de **Ŝtatprezidanto Wilhelm Miklas** al la vidvino:

„Kion d-ro Schober en ĉiuj siaj profesiaj kaj politikaj pozicioj, speziale kiel policprezidanto kaj kanceliero, faris por la juna respubliko, postvivos sur aparta honorfolio en la historio de nia patrolando eterne kaj certigos al li honormemoron de ĉiuj Aŭstrianoj".

El kondolencletero de **kanceliero d-ro Dollfuß** al s-ino Helene Schober:

„La grandaj sukcesoj, kiujn li dank' al sia sagaceco, sia energio kaj senlaca laboro atingis, restos neforgeseblaj en la historio de Aŭstrio. La sciigo pri lia morto igis funebri la tutan patrolandon."

El parolado de **prezidanto d-ro Renner** en la parlamento:

„Kiel funkciulo de l' ŝtato esti gardisto de la laŭleĝa ordo estis lia plej alta idealo kaj sindediĉo al lia metio lia karaktera eco . . . Granda estis lia sukceso en Haag 1930. Lian projekton de limdepag-unio kun Germanujo bedaŭre la eŭropaj potencoj malhelpis, kvankam la tuta aŭstria popolo estis je lia flanko. Nia popolo, la parlamento, lia partio multe perdis pro lia morto . . ."

**Policvicprezidanto d-ro Franz Brandl** parolis per Radio pri sia kara mortinta ĉefo:

„D-ro Schober estis eminenta kiel direktanto de l' ŝtato kaj ankaŭ kiel gvidanto de la polico, sen iu egoismo, nur plenokupata de la deziro, fari bonon al la homaro kaj la unuopa homo. Malhelpaĵoj estis por li nur incito por fari la plej grandon. Tiel li sukcesis organizi la aŭstrian policon kiel modelon de senpartia korporacio. Ekkoninte la necesecon de internacia kunlaboro li kunvokis kongresojn de la policestraroj kaj fondis la internacian komisionon kriminal-polican, kiuj famigis lian nomon en tutmondo kaj ankaŭ nian patrujon. Kontraŭ siaj subuloj li ĉiam estis helpopreta kaj neniu forlasis lin senkonsola, ĉar lia principo estis prefere helpi ol puni. La severaĵoj de lia profesio lin mem plej multe doloris. Lia pensmaniero restos en la aŭstria policistaro!"

Por ni esperantistoj d-ro Schober estis granda helpanto; lia foriro estas por ni preskaŭ neanstataŭebla perdo. D-ro Schober enkondukis ĉe la aŭstria polico la lingvon Esperanto kaj donis al la Esperanton-sciantaj policistoj apartan ŝildeton kun la vorto Esperanto kaj la E-insigno. La Wien-a polico estis la unua en la mondo, kiu enkondukis E-on kaj aro da policoj en diversaj landoj imitas ĉi tiun modelan agadon. Tio famigis la mortinton en la esperantistaro tutmonda. Li ankaŭ enkondukis en 1926 Esperanton kiel nedeviga fako en la lernejplano de la faklernejo polica en Wien.

En 1927 Schober estis honorprezidanto de la granda aŭstria landa kongreso, kiu okazis en Hofburg, je kiu okazo li faris sian alparolon en Esperanto. Kompreneble li ankaŭ vizitis la tiam aranĝitan grandan ekspozicion de Esperanto en la grandmagazeno Herzmansky kaj kun granda intereso restis longan tempon.

Kiam mi en 1927 komencis fari miajn unuajn paŝojn por realigo de fondo de Intern. Esperanto-Muzeo, mia unua vojo estis al d-ro Schober, tiama policprezidanto. Afable li akceptis min kaj konsentis, eniri en Intern. Honoran Komitaton de IEMW, sed petis, ke mi antaŭe invitu la tiaman kancelieron d-ron Seipel, kiu ankaŭ akceptis. Sed Schober ne estis homo, kiu nur eniris komitaton, por ke lia nomo estu sur listo! Li vere helpis min en multaj rilatoj kaj grandparte mi dankas al li, ke mi ricevis la belan hejmon en Nova Burg de Wien. La 8. de februaro 1931 li vizitis la muzeon kaj inter alie li diris: „Vi elektis tie la plej belan lokon en Wien". Tiam la ĝeneraldirektoro de Nacia Biblioteko invitis la kancelieron Schober ankaŭ viziti la grandan Nacian Bibliotekon kaj Schober respondis: „Vi devas agi kiel tiu Steiner. Li diris al mi, ke mi devas veni, kaj vidu, mi obeis kaj venis."

La lastan fojon mi havis la feliĉon esti akceptata de ĉi tiu vere granda ĉiam helpopreta homo, kiam mi prezentis s-ron Scherer al li, kies raporton de mondrondvojaĝo pere de Esperanto d-ro Schober aŭskultis kun granda intereso.

Li donacis al la Muzeo bildon kun la diversaj lingvo-insignoj ĉe nia polico kaj kun 3 fotoj de policistoj kun la E-insigno.

Lia nomo restos en eterna memoro de la esperantistaro tutmonda, kaj ege ligita kun Internacia Esperanto-Muzeo en Wien.

Al la policdirekcio en Wien kaj al lia vidvino estis jam skribe esprimita la sincera kondolenco de Int. Centra Komitato, Int. Esp. Muzeo kaj Aŭstria Esp.-Asocio kaj mia persona. Steiner

## Internacia Centra Komitato

publikigas en sia cirk. 95 raporton pri la vere sukcesintaj **rondvojaĝoj** Scherer kaj Steiner;

en 98 alvokas al laboro en **skoltaj rondoj**, por ke granda nombro da esperantistaj skoltoj partoprenu „Skoltan Mondkunvenon" en Budapest 1933. Informojn donas P. Balkányi, Budapest VI. Hajos-u. 15/II.

en 98 atentigas pri la aperonta grava verko de **„E-Enciklopedio"**, kiun eminentuloj en la tuta mondo nun kompilas Ĝi ampleksos 600 dense kompostitajn paĝojn. (Se iu havas historiajn datojn, biografiojn ktp. unuavice pri la Aŭstria movado kaj ties pioniroj, bonvolu ilin sendi al Int. E-Muzeo en Wien.)

en 98 informas pri **„Propagando por Latina Lingvo"**. En **München** speciala societo „Societas Latina" estas fondita de eminentaj personoj por propagandi latinan lingvon. Germana E-Asocio preparas taŭgan flugfolion kun respondargumentoj en germana lingvo. (Se vi legas artikolojn aŭ ricevas materialon pri tiu entrepreno aŭ aliaj tiaj, bonvolu sendi la aĵojn kun informoj al IEMW.)

en 99 avertas antaŭ **„mondvojaĝantoj"**, kiu venas sen legitimacio de sia nacia societo aŭ por internaciaj aranĝoj sen rekomendo de ICK;

en 99 informas pri **Adalbert Smit**, Nederlando, pri kiu alvenis jam pluraj plendoj; rekomendas ne fari aranĝojn kun li, se oni ne volas perdi monon;

en 99 anoncas la aperon de **ŝlosiloj**: Ukraina, eld. prof. Oresto Kuzjma, ul. Nova 4, Kolomea (Polujo); **Kroata**, eid. Sudslava E-Servo, Jezuitska ul. 1 Zagreb (Jug.); Hungara, eld. Literatura Mondo, Mester-u. 63, V, 7, Budadest IX. Po ekz. 0.20 sv. fr.

## Int. Esperanto Muzeo en Wien

**Wien, I. Neue Burg, Heldenplatz.**
**Telefono n-ro R 27-803**

**Malfermata** labortage 9—12, 15—18 h; sabate 9—12 h, 2. okt. 9—12 h.

**Novaj membroj:**

**Internacia Honora Komitato:**

**Francujo:**

**Louis Bastien,** Intend.-Generalo, Paris.

**Internacia Kuratora Komitato:**

**Germanujo:**

**D-ro A. Vogt,** bankisto, Stuttgart.

**Dumvivaj membroj de IEMW** (S 15.— en 3 partpagoj, postulu ĉekojn!: **Por alilandanoj sv. fr. 12·50)**

445. D-ro Fer. Szilagyi, Budapest; 446. Hermine Höss, Wien; 447. Fred A. Hamaun, Wauwatosa, USA; 448. Pastro Josef Henry, Trovancore, Hindujo; 449. Rup. Falkland Vaughan, Sandakan, Brit. Nord-Borneo; 450. L. Lentaigne instr., Orbec, Franc.; 451. Martha L. Root (Bahaa), Haifa, Palestino, 452. d-ro P. Szöcs. Budapest; 453. K. Leitl, instr., Mühldorf, Bavarujo; 454. Sal. Szyk, Vilno, Pol.; 455. Reg. kons. K. Schallert, distr. lernejinsp., Linz.

**Grupoj ktp. kiel membroj por 10 jaroj** (la sama kotizo):

29. Germana Esperanto-Asocio, Berlin.

**Donacoj:** Rooger Goodland 15.35; Rhodes Marriot 5.52.

## 29. Internacia Mondkongreso por la paco.

La 5. de sept. okazis la malfermo en Komerca Ĉambro en Wien, en kiu kiel reprezentanto de ICK, IEMW kaj AEA parolis reg. kons. Steiner. La gazetoj raportis pri tio. Prezidanto de la Kongreso estis senatoro La Fontaine, kun kiu mi konatiĝis kaj kiun mi ankaŭ invitis, viziti la Muzeon. Pro manko da tempo pro la granda laboro li ne povis sekvi la inviton. Steiner

## XXIV-a Univ. E-Kongreso en Paris.

Detalan raporton vi afable legu en la venonta numero pro manko da loko en ĉi tiu numero.

**Ĝeneraldirekcio de Aŭstriaj Federaciaj Fervojoj** sendis afablan salutleteron al XXIV. en Paris. Ni en la venonta numero publikigos la enhavon.

Ĉeestis malgraŭ la ekonomia krizo 1700 delegitoj el 35 landoj. Aŭstrion reprezentis s-ano Hovorka-Wien.

La ĉefa afero estis la temo pri „reorganizo". La francoj proponas anstataŭ sia detala projekto jenajn principojn kun rezolucio: 1. estos nur unu internacia organizo, kiu plenumos la nunajn devojn de ICK, UEA kaj KR; 2. la int. organizo eldonos ĉiujare jarlibron; 3. ĉiu membro de nacia societo

estos samtempe membro de la int. organizo kaj pagas al ĝi unuecan kotizon, kiu estas entenata en la nacia kotizo; 4 ĉiu loka delegito estos proponata de sia loka grupo kaj aprobata de la nacia societo. Se en iu loko ne estas grupo, delegito povas esti nomota de la nacia societo; 5. la intern. organizo estas estrata de konsilantaro, kiu konsistas el reprezentantoj de ĉiu societo. Tiu konsilantaro elektos centran komitaton, kiu, helpata de oficejo, gvidos la internacian movadon.

Soc. Franca p. Propagando de E konstatinte, ke la kontrakto de Helsinki evidentiĝas netaŭga kompromiso, ĉar de la komenco oni ne povis trovi en ĝi kontentigan bazon por unueca organizo,
konsiderante, ke la nuntempa krizo kaj la ĝenerala postulo de la esp-istaro devigas al unueca kaj racia organizo, proponas:

1. la nuligon de Kontrakto de Helsinki; 2. La reorganizon de la E-movado laŭ la principoj ĉi supre proponitaj, kiu estos nomata Konvencio de Paris; 3, la elekton de plenpova reorganiza komitato, konsistanta el kelkaj personoj precize komisiitaj por redakto laŭ la diritaj principoj la statutoj de la nova organizo; 4. la prezenton plej malfrue en la fino de oktobro nunjara de la novaj statutoj al ICK, kiu dissendos ilin al la naciaj societoj kaj UEA.

La nova organizo ekfunkcios komence de 1933.

Ĝis tiam la nuna ICK daŭrigos sian agadon.

Post tre vigla disputo oni decidis unue, senprokraste voĉdoni pri la tuta propono, kaj poste akceptis ĝin kun 5401 kontraŭ 1342 voĉoj.

Oni formis la „Reorganizan Komitaton“: Dubois(Francujo), Hovorka(Aŭstrio), Schoofs (Belgujo), Canuto (Italujo), Goldsmith (Britujo), Malmgren (Svedujo) kaj Schmalzl (Germanujo). UEA deziras resti nepre memstara kaj rifuzis pro tio kunlaboron ĉe la starigo de nova statuto. Post finpropono de la komisiono ĝi decidos pri la irota vojo.

## Fino de Helsinki-kontrakto.

**(El „Esperanto“, Genève.)**

La reprezentantoj de grandnaciaj E-societoj en KR decidis per plimulto, nuligi la kontrakton de Helsinki kaj krei novan organizon.

Kun tiu subita decido nek UEA nek pluraj naciaj societoj konsentis. Certe la kontrakto ne estis perfekta aranĝo; tamen ĝi savis la memstarecon de la naciaj societoj kaj de UEA, ebligante ilian kunlaboradon. Dum la unuaj jaroj UEA havigis la financan bazon al la nove kreita ICK ĝis kiam la naciaj societoj alkutimiĝis je internacia kotizo.

La kontrakto estas nuligita, ĉiu reprenos sian liberecon. UEA refariĝos tiu vasta asocio de ĉiuj esp-istoj deziremaj servi per reciproka helpo de homo al homo.

La UEA-membroj kunsidis dum XXIV. en Paris en granda nombro kaj konfirmis sian volon, ne detrui solidan domon pro momenta fantazio. UEA estas preta kunlabori kun ĉiuj naciaj societoj. La nuligo de la kontrakto nur detruas la postmilitan formon de tiu kunlaboro, sed ĝi neniel tuŝas UEA mem, kiu de nun libere kaj kuraĝe reprenu sur sin la ŝarĝon de nia internacia movado, kies fundamenta kolono ĝi restas.

Al sia venonta propra kongreso UEA povos inviti ne nur siajn anojn, sed ankaŭ ĉiujn naciajn societojn, deziremaj kunlabori...

Edmond Privat

(Ni esperu, ke tamen estos irebla iu komuna vojo! Steiner).

---

**„Oficiala Informilo de Federacia Fervojdirekcio Wien“** en sia 4. numero de 5. sept. publikigas alvokon pri E-kursoj, gvidotaj de reg. kons. Steiner. Represo de la teksto en la venonta numero.

---

**„Kongreßbüro der Fremdenverkehrskommission der Bundesländer Wien und Niederösterreich“**, Wien VII. Messepalast, konsilas je aranĝoj de kongresoj kaj senŝarĝus vin de la preparaj laboroj de kongreso. Rekomendu ĝian proponon!

**„Aŭstria Trafik- kaj Transportlaborista Unio Esperantista“** (ATTUE) estis fondata la 8 aprilo. En ĝi estas provizore unuigitaj la fervojista kaj tramista fakgrupoj. ATTUE estas kvazaŭ nur suborganizo de ALLE. Estroj J. Zink kaj J. Slezak, sekret. A. Berdan, kas. J. Kacimbersky. Adreso: ATTUE, Wien XIX. Geistingerg 1, 6/16.

(Laŭ Socialisto.)

**Komandoj en Esperanto.**

En la fremdulgvidista tendaro de Hungara Skolta Asocio en Budapest partoprenis oficiale esperantista skolta taĉmento, kiu devis simile al la alilingvaj skoltoj fari la ĉefajn ekzercojn, komandojn, ludojn en la ekzercota lingvo, do en Esperanto. Certe unuafoje la estraro oficiale devigis la junulojn en skolta tendaro uzi E-on preskaŭ la tutan tagon.

## Goethe en Esperantujo.

La pliriĉigado de la E-literaturo per traduko de eminentaj verkoj diversnaciaj estu ĉiam unu el la plej gravaj taskoj de eminentuloj en Esperantujo

La temo de mia hodiaŭa mallonga artikolo estas aktuala. La tutmondo solenas ĉijare la centjaran datrevenon de la mortotago de Goethe kaj mi deziras mencii la verkojn de Goethe, tradukitaj en E.

Unuavice mi devas mencii la altvaloran perlon de la E-literaturo, la tradukon de „Ifigenio en Taŭrido“, tradukita de Zamenhof. Kiel belsona muziko fluas la ritmo de

tiu ĉi vere modela, klasika traduko kaj oni povas diri, ke neniu alia estus sukcesinta verki tian tradukon, kiun oni legas kvazaŭ ĝi estus originalo. Ĝi estas ankaŭ nerefutebla pruvo, ke E estas ankaŭ utiligebla por la plej malfacilaj verkoj poeziaj. Se oni konsideras, ke Zamenhof uzas nur la vortotrezoron de l' Fundamento", despli admirinda estas tiu ĉi traduko.

Krom ĝi li nur tradukis de Goethe la poemon „La rozeto".

Alia altvalora perlo viciĝas al tiu de nia majstro, nome „Hermano kaj Doroteo", tradukita de Benno Küster je instigo de Zamenhof. Mirinde estas, ke tiu ĉi traduko nek uzas eĉ unu neologismon, nek elizion ĉe substantivoj kaj okulvide pruvas, ke la Zamenhofa vorttrezoro sufiĉas por modela traduko de certe ne facilaj kaj ampleksaj poemoj, se oni majstras la lingvon internacian.

Ju pli ofte oni legas ĉi tiun tradukon, despli ofte oni sentas spiritan ĝuon kaj admiras la geniecon de la kreinto de E, kiu ebligas tiajn mirindajn, preskaŭ laŭvortajn tradukojn.

La plej ampleksa traduko el la verkaro de Goethe estas „Faŭsto", de Barthelmess. Mi ne arogas al mi prijuĝi, ĉu ĝi estas ankaŭ la plej bona. Mi nur mencias, ke nia neforgesebla kolonelo Zwach komencis la tradukon de Faŭsto kaj nur finverkis kelkajn scenojn, kiujn li voĉlegis tiam en la societoj „Unuiĝo" kaj „Danubio". Estas granda perdo por nia literaturo, ke la morto ĉesigis la finverkadon de la tuta traduko.

Malgrandajn poemojn ni posedas en majstra traduko de nia klasikulo de Kalocsay kaj de Grabovski, nia neforgesebla klasikulo, „La gefratoj", „Trovita", „La elfreĝo" kaj de O. Sellin „Rozeto en herbejo".

En la marta numero de „Esperanto" aperis de F. Döring, Freiburg, la tradukoj „Al la lumo", „Plej bone", „Mara trankvilo", „Veturo feliĉa", „Memoro", „Amo al sorto", „Nokta kanto de migranto", „Alia". Ili estas parte laŭvortaj, parte laŭsencaj tradukoj en originala ritmo.

En „Esperanto" (aprilo 1929) aperis la preskaŭ laŭvorta kaj origialritma traduko de „Limoj de l' homaro" de A. Taussig.

Estus dezirinde, ke nia E-literaturo estu pliriĉigota per pluaj bonaj tradukoj el la verkaro de Goethe. Alexander Taussig.

---

En Kolegio de Universitato de Oxford s-ano R. M. Morris Owen (Balliol College) fondis „Esp-ista Biologista Rondo perletera". Interesuloj skribu al s-ano Owen.

## Universala harmonio.

La nepriskribebla valoro de la muziko en la grandaj okazoj de la nacia vivo estas, ke ĝi harmoniigas ĉiujn. Kiu, ekzemple, kiu ĝin aŭdis, povas iam forgesi la kortuŝiĝon kaj sopirĝemon de granda silentigita homamaso, dum ili aŭskultis la alproksimiĝantajn sonojn de la funebra marŝo de Chopin, kiu proklamis, ke „Victoria la Bona" aŭ „Edward la Pacfaristo" forpasis de nia ĉeesto, sed neniam el la memoro de la popolo; aŭ la triumfajn ariojn de „Zadok', la pastro kaj Natan', la profeto santoleumis Salomon' reĝo", kiu proklamis, ke Georgo V. suriris la tronon de siaj praavoj por gvidi sian popolon laŭlonge la vojojn de l' paco.

Ĉu iu ajn paŭzis, eĉ momente, por pensi, ke Händel estis Germano aŭ ke Chopin estis Polo? Ne! Muziko parolas la lingvon de la homa koro, kies lando estas la tutmondo, kies frateco estas por la homaro!

„Parolu pri la Paco al Mia Popolo" diras la voĉo de Tiu, Kiu donas al la muzikisto lian talenton.

Tro ofte kaj tro longe la muziko estis la heroldo de la milito.
Tro ofte la trumpeto sonis la alvokon al batalado. Nova epoko nun venas al la popoloj, kiam la tago de l' paco eklumiĝos sur la mondo. Pli grandaj talentoj venos al la muzikisto nedistrita pro la sonoj de mondo batalanta. Li havos pli da tempo.

Kaj kiel la muziko de nacio ŝanĝiĝas? Tre rapide kelkafoje, laŭ la nacia humoro. Tiel, kia diferenco ekzistas inter la trankvila certigo pri fido, kiun ni trovas ĉe la muziko de la feliĉa Mendelsohn, kaj la speguliĝo de la ĝenerala mondmaltrankvileco en iaj verkoj de Richard Strauß.

Sed, kun ĉiuj ĉi tiuj diferencoj en naciaj temperamentoj kiel tamen belege kosmopolita estas la muziko. Ĝi

---

estas vere internacia lingvo, komprenata de ĉiuj popoloj. Kiel la nacioj povas konsoli unu la alian per muziko?

Ĉu ni ne povas vidi iom de la diferenco inter la muziko de Italujo — kiu spegulas sunplenajn ĉielojn, la rapidan vulkansimilan temperamenton, la ardecon de l' amo, la pasion de l' malamo — kaj muziko de Anglujo, kiu spegulas la solidecon de de la pli flegma Anglo? La neŝanceliĝema, obstina persisto de la brita karaktero trovas sian subpremadon en la brita muziko.

La germana temperamento, plue estas profunde filozofa kaj oni atendas, trovi la speguliĝon de tia spirito en la germana muziko, kaj oni ĝin trovas, precipe en la muziko de Richard Strauß.

Kaj ankaŭ, la muziko, kiel ĉiu vera arto, estas la esprimo de vivo de la nacio, **tia**, kaj **nur tia** estos la muziko de la nacio.

La naciaj karakterizaĵoj, iome troviĝos speguligitaj en la nacia muziko. Tiamaniere, ĉu oni ne trovas tonon de profunda pesimismo en la muziko de Rusujo?

Ĉu la gajeco de la franca nacio ne retroviĝas en ĝia muziko? Kaj ĉu ankaŭ la rimarkebla ŝanĝiĝo en la pevsmaniero de la franca nacio — ŝanĝiĝo al pli serioza viv-vidpunkto ne fariĝas pli evidenta en la lastatempaj francaj muzikaĵoj?

La kulturo de la muziko kaj de la pli gajema koro povas ankoraŭ inspiri al la verko de novaj melodioj kaj pli belegaj harmonioj, kiuj siavice estos nur malfortaj eĥoj de ankoraŭ pli grandioza kanto, la kanto iam kantita de ĉielaj armeoj super la lulilo de malgranda infano:

Gloro al Di' en la alto,  
Sur tero, paco,  
Bonvolo al la homaro.

D-ro A. Mildwurf.

---

**„Marto“**, oficiala organo de Germana E-Ligo en Ĉeĥoslovakio, transloĝiĝis al Kunnersdorf bei Zwickau.

## John Merchant.

Nia ŝatata prezidanto de ICK festis sian 60-an naskiĝofeston.

Multe ŝatata pro sia persona afableco, li speciale helpis al ni Aŭstrianoj. Al li ni dankas grandparte, ke la deficito de la XVI. estis forigata, kaj li ankaŭ multe faris por Internacia Esperanto-Muzeo.

Ni ĝoju, ke nia prezidanto tiel junece povis festi ĉi tiun tagon, kaj ni gratulas al la tuta familio plej kore.

IEMW AEA AE

---

### Ho mia kor'.

Ho, mia kor', ne batu maltrankvile,  
El mia brusto nun ne saltu for!  
Jam teni min ne povas mi facile,  
Ho, mia kor'!

Ho, mia kor'! Post longa laborado  
Ĉu mi ne venkos en decida hor'?  
Sufiĉe! Trankviliĝu de l'batado,  
Ho, mia kor'!

### O, Herze mein!

O, Herze mein! Spring nicht mit Eilgewalten  
Aus meiner Brust, lass' deine Unruh' sein!  
Ich kann mich selbst schon nicht mehr [halten,  
O, Herze mein!

O, Herze mein! Nach langen Arbeitstagen  
Werde ich siegen noch im letzten Schein?  
Genug! Beruhige Dein Schlagen!  
O, Herze mein!

L. L. Zamenhof, trad. Val. Likoser-Sprengbrück, Wien.

---

**Grandmagazeno „Stafa“ en Wien**

**VII. Mariahilfer Straße 120**

invitas al senpaga ĉeesto al:

1. E-konverzacioj ĉiuĵaŭde 16—18 h, komencante la 27 sept., en trankvila ĉambro; 2. E-paroladoj de Radio-Wien, aŭdeblaj per laŭtparolilo regule en granda ejo, komencante la unuajn tagojn de okt.; 3. lumbildparoladoj pri Köln la 26. IX , 30. IX. kaj 3. X. je 15.30 h (parolonto kalk. kons. R. M. Frey); 4. lumbildparolado pri Dan-, Sved- kaj Norveglandoj la 20. X. (k. k. R. M. Frey); 5. pagota E-kurso por komencantoj, ĉiumarde 18.30—20 h, komenco 4. X. (E-instr. R. M. Frey); 6. pagota E-daŭriga kurso, ĉiuĵaŭde 18.30—20 h, kom. 6. X.; 7. aranĝota ekspozicio de gvidlibroj kaj -folioj pri landoj kaj urboj.

---

Per **Radio-stacioj Kraków kaj Warszawa** s-ano Hodakowski prelegis la 24. VIII. pri „Naturaj riĉaĵoj de Polujo“ kaj prelegos la 28. IX. pri „Turismo en Polujo“. Bonvolu anonci bonan aŭskulton al Polskiego Radjo, Warszawa. Ni ĝojas pri la kompreno de la utilo de E flanke de la stacio. (Red.)

**Esperanto-Institut für das Deutsche Reich.** Die neue Anschrift ist: Leipzig, Johannisplatz 5, Aufgang II, 2. Stock.

„Vieno", ses originalaj lignaĵoj de s-anino Rose Reinhold. En bela envolvilo ses belaj originalaj vidaĵoj de Wien kaj la bildo de s-anino Reinhold. Mendeblaj ĉe Reinhold-Verlag, Wien IX. Löblichg. 3, Tel. A 16158.

**Unua Helena E-Kongreso** okazis la 16.–18 julio en Athènes. Nian gratulon!

**Skolta Trupo N-ro 190** en Debrecen (Hungarujo) la unua esperantista skolt-trupo en la mondo. La tuta trupo sub lerta gvidado de s-ano Kálmán Nagy lernis E-on kaj faris nun sian ekzamenon en Esperanto. Instigu skoltajn rondojn.

**Silezia Ligo Esperantista** (Sileo) festos en sia kunveno la 1. kaj 2. okt. sian 10-jaran jubileon en Schweidnitz. Elkoran gratulon! IEMW

**E en lernejoj de Venezia.**

La direktoro de la ŝtataj lernejoj de la regiono Venezia, prof Umberto Renda, disdonis al la direktoroj de la lernejoj cirkuleron, elmontranta la meritojn de E. por ĉia kulturo. Nun prof-ino Minio, prof. Guzzetta kaj Copeta, inĝ. Torta instruas en 2 reĝaj Klasikaj Liceoj, Reĝa Scienca Liceo kaj Reĝa Instituto Magistrale.

E en la **Reĝa Teknika Instituto de Torino** estas instruata de univ. prof. d-ro G. Canuto laŭ iniciato de loka faŝista organizacio „Postlaboro".

**Goethe-memoron** festis ankaŭ aro da E-grupoj en Japanujo, tiel ankaŭ Hokuecu E-Societo kun esp.-istoj en Niigata Fakultato Medicina. En „Vespero de Goethe" en la nomita fakultato parolis univ. prof Mazaki kaj finis per la vorto de Goethe: „Nun venas epoko ne de nacia literaturo sed de internacia . . ." kaj lerte interligis kun E

**„Kaiserslautern"**, Rheinpfalz, Germanujo. La tiea „Verkehrsverein" eldonis 8-pĝ. bele ilustritan faldprospekton en E. — Indikata estas ankaŭ la adreso de la del. de UEA.

**„La Nova Etapo"**, Literaturo-kulturolingvoscienco. Unua kajero, 1932. Redakcia konsilantaro: J. Flamo, N. Hohlov, L. Ĵirkov, N. V. Nekrasov, Ludwig Renn. Redaktejo: N. V. Nekrasov, CK, SEU, Spiridonovka 15, Moskva 1, USSR. Prezo por 6 numeroj germ. Mk. 4.–, por abonantoj de „Internaciisto" germ. Mk. 3.—. 48 paĝa.

„La revolucia dialektika materialismo, aroga aspiro al realigo de socialismo en la tuta mondo — sur bazo de la socia revolucio kaj proleta klasbatalo — tia estos la standardo de la Nova Etapo".

**„Skolta Bulteno"**, oficiala organo de Skolta Esperantista Ligo, aperis la unuan fojon en sept. 1931 kaj nun regule kvaronjare. Red. 23 East Dulwich Grove, London S. E. 22.

**„Praktika psikologio"**, Revuo por tiuj, kiuj deziras disvolvi siajn kaŝitajn kapablecojn. Eld., red., pres. Eric Biddle, 18. Meadows Lane, Chester, Anglujo. La unua numero aperis en julio 1932. Po 4 numeroj 2 resp. kup.

**Monata Bulteno d' Esperanta Societo „Nova Sento"**, Barcelona, Strato Llull 210 ekaperis en marto 1932.

La germanlingva revuo **„Die Umschau"** (Frankfurt a. M.) publikigis en n-ro 23/1932 rimarkindan artikolon pri „La E-spesmila sistemo" kun belaj bildoj.

En **Grazer Tagespost** de 26 junio longa artikolo „Das Problem einer Weltsprache" de Ing. H. Schalko.

**D-ro A. Wander S. A., Bern**, fama fabrikejo de dietaj maltpreparaĵoj, eldonis ankaŭ en 1932 denove belajn 8 paĝajn E-propagandilojn por Ovomaltine. Aliaj firmoj sekvu! Instigu ilin!

**„Jes kaj „Tuj".** En la inventist-pavilono de la Foiro-Wien s-ano St. Pirchan ekspozis „Jes" (kartludon por tutmondo) kaj „Tuj" (libreton por reklamado kaj ellerno de lingvoj ktp.). Mendeblaj Wien IX. Währinger Gürtel 116.

## Lingvaj demandoj

Red.: D-ro W. Biehler, Graz, Alberstraße 13

## Germana kaj Esperanta derivado.

§ 1. En sia posthuma verko „Ausführliche Sprachlehre des Esperanto" d-ro Göhl en ofte tro lerniga maniero interrilatigas E-on kaj nian gepatran lingvon, precipe atentante la sintakson Mi provu doni por la vortfarado ion similan.

### A. Germanaj sufiksoj en Esperanto.

a) Deriviloj por substantivoj.

§ 2. El radikoj nomaj kaj verbaj oni derivas substantantivojn, kiuj signifas nepre nur vivantajn estaĵojn, per aldono de la malgrandigaj finaĵoj **-chen, -lein** de la gentindika sufikso **-ing** kaj la iom parenca, sed ne samsignifa **-ling** krome per **-in** — laŭsence identa en E — kaj per la fremdaj sufiksoj **-aner** kaj **-ist**, kiujn nia lingvo ankaŭ konas.

La uzo de **-in** en E estas pli ampleksa ol ĉe ni, ĉar ĝi estas **universala** sufikso, valida ankaŭ por ĉiuj nomoj de parencoj (patrino, fratino, kp. greke adelphé: adelphos-frato; same hispane: hermana: hermano: filino; same kiel en ĉiuj latindevenaj lingvoj) kaj, se necese, ankaŭ por **bestoj** (kolombino ktp.). Krome mi atentigu pri vortoj kiel: gastino, konatino.

La germanaj malgrandigaj sufiksoj **-chen** kaj **-lein** ne havas nur unu signifon. Ĉar krom malgrandigo ili kelkfoje esprimas karesemon aŭ indikas — precipe ĉe bestnomoj — ke temas pri junaj kreitaĵoj. Ili

tial tradukiĝas per tri diversaj E-sufiksoj, nome 1) la malgrandiga sufikso -**et** (birdeto, knabeto), 2) la „karesemaj" sufiksoj -**ĉj** por viroj, -**nj** por inoj (Joĉjo, Grenjo), 3) la sufikso -**id**, indikanta devenon per naskiĝo (ĉevalido, katido). Kompreneble oni povas kunfandi la du sufiksojn sub 1 kaj 3, tiamaniere G(rabowski) uzas en sia traduko de „La Gefratoj" la esprimon „katideto" por „Schmeichelkätzchen".

Ĉar mi jus menciis E-sufikson -id, mi nun mallonge priparolu la iom antikviĝintan germanan derivilon -**ing**, kiun almenaŭ en la vorto Edeling tradukas -id (nobelido)[1]. La etimologie identa -**ling** havas hodiaŭ alian signifon, eĉ duoblan, ĉar ĝi signifas 1. homon, havantan iun kvaliton, kiun indikas la radika vorto kaj 2. eĉ malbonfamigas. La identaj E-sufiksoj pro tio estas aŭ -**ul** (junulo, senkuraĝulo; aldonon de -aĉ oni ĉikaze evitu pro eŭfonaj kaŭzoj), aŭ -**aĉ** (poetaĉo).

-**ist** on ne ĉiam traduku per tiu sama E-sufikso, ĉar folkloristo ja estas profesiulo, sed „Marxist" ekzemple estas Marks-**ano**; -**aner** ja sendube ĉiam esprimiĝas per tiu lasta derivilo (luterano). (Daŭrigota)

[1] Pri -ung en alia kontekato.

## Ŝercangulo.

**Inter amikoj!**

Blau diras al Grün: „Vi azeno"!

Grün trankvile respondas: „Nun mi ne scias, ĉu tial mi estas azeno, ĉar mi estas via amiko, aŭ ĉu tial mi estas via amiko, ĉar mi estas azeno."

(Laŭ Heroldo)

**En la restoracio.**

Sinjoro mendis tagmanĝon kaj devis atendi longan tempon. Post la fino de la tagmanĝo li mendis ĉe la kelnero tason da kafo.

„Jes, sinjoro, post unu minuto", ĉi tiu respondis.

„Bone, sed bonvolu sendi dum la vojo de tempo al tempo ilustritan poŝtkarton".

## Aŭstria Esperanto-Asocio

Linz, Weissenwolfstr. 31

**Klagenfurt:** Prez. Wannek vizitis kun fakinstr. Schmidt la nove fonditan grupon. Sekvis vizito de prez. Wannek al la landa fremduloficejo, por ĝin interesigi al eldono de E-gvidfolio.

**Lienz:** Prez. Wannek vizitis propagandcele la landan fremduloficejon, poste la estron de St. Georg-skoltoj pro kurso en aŭtuno kaj UEA-del. prof. Kirchner.

**Wien: E-Soc. „Danubio".** La 4. julio en la nova societejo parolis W. Mudrak pri „Kruciro de la eŭropa junularo al Genève" dum Pasko 1932. Dum aŭgusto okazis konversaciaj kunvenoj ĉiulunde en la ĝardeno de la societejo, Café Elsahof, VII. Neubaugasse 25. La 13. julio vizitis la rondon d-ro Fr. Szilagyi, verkisto el Budapest, kiu parolis pri hungara muziko ludante ĝin per gramofondiskoj. La 8. VIII. vizitis nin francaj s-anoj, la 22. VIII. okaze de raporto pri XXIV. de Alfred Klein s-anoj el Hungarujo kaj ĈSR.

**Esp.-Junularo** (Amika Rondo E-ista II.). D-ro Fr. Szilagyi prelegis kelkajn memverkitajn prozaĵojn kaj poeziaĵojn kun granda aplaŭdo.

**Laborkomitato de Vienaj E-Soc.** La 22. julio en la festsalono de la magistratejo Wien IV. niaj hungaraj s-anoj Vilmos Bleyer, admintstranto de Literatura Mondo kaj redaktoro de Enciklopedio, kaj Tibor Citron, kiu laŭ Ĉe-metodo kun ega sukceso instruis en Svedujo, faris multevizititan paroladon. Tie ankaŭ estis aranĝita ekspozicio de eldonaĵoj de „Literatura Mondo".

**Ekzerca kaj konversacia kurso** dumsomera, aranĝita de Laborkomitato, okazis ĉiumarde kaj vendrede en la E-hejmo, Wien IV. Gvid. Hovorka.

**Honorigo de E-pioniro.**

La 31. julio membroj de l' estraro kaj grupo Katolika Unuiĝo Esp. vizitis s-anon dir. Schamanek en Tullnerbach, por oficiale lin informi pri lia nomigo kiel Honora Membro. Prez. Chiba, iama E-lernanto de dir. Sch., transdonis kun elkoraj dankvortoj la honordiplomon. Frato Metodo gratulis nome de la esp.-istoj ĉe kristanaj lernejfratoj. Dir. Schamanek, kvankam jam pli ol 70 jarulo, ĉiam juneca, sana, laborema, vigle dankis kaj entuziasme instigis al plua fervora agado. „Ni devas esti idealistoj", jen lia devizo. Mudrak nome de Laborkomitato gratulis kaj promesis vere idealistan agadon. S-ino V. Loitzenbauer deklamis indan, memverkitan honorpoemon. Nur tro baldaŭ finiĝis la bela kunesto en familia rondo de Esprantujo. Mudrak

(Bedaŭrinde mi ne povis ĉeesti. Mian gratulon. Steiner).

**„Informoj por la katolikaj esperantistoj en Aŭstrio"** en julio ĉesis aperi por la venonta tempo. La membroj ricevis, kiel jam en julio, de tempo al tempo informojn per hektografitaj leteroj.

---

Koran gratulon

al la novgeedziĝintoj

**D-ro Emil kaj Ella Pfeffer** (nask. Rudner).

---

**ESPERANTO-SOCIETO POR STIRIO**
Graz, VI., Schönaugasse 6.

**Bericht über die 7. Leitungssitzung** vom 9. Sept. Ueber den Ausflug nach Voitsberg erschien in einem weststeirischen Wochenblatt ein Bericht des Gruppenobmannes, der auszugsweise auch in AE erschien und der Leitung des OeEB zuging. Der vom OeEB übermittelte Bericht über den Pariser Kongreß war auch in der „Grazer Tagespost“ zu lesen. Ersuchen des Bundes um Werbung unter den Pfadfindern kann jetzt mangels an Beziehungen zur Jugend schwer entsprochen werden. Ebenso fehlen Interessenten für die vom Bund fertiggestellten Unterrichtsbriefe. Der Nachlaß aus der Bücherei unseres verstorbenen Mitgliedes Oberverwalter Mally wurde übernommen und inventarisiert. Für die Jahresversammlung der Ortsgruppe und des Vereines sind der 21. X. und 25. XI. in Aussicht genommen. Im kommenden Vereinsjahr plant die Leitung, die Mitglieder finanziell etwas zu entlasten. Dr. Biehler

## Rimarkindaj presaĵoj

**Raporto de la Aerologia Observatorio** de Tateno. N-ro 6. Jarlibro por 1928. 206 pĝ. 1931.

Kiel la antaŭaj jarlibroj ankaŭ tiu por 1928 estis skribata en facile komprenebla E. Post mallonga antaŭparolo estas publikigataj: Observadoj de vento super Tateno faritaj per pilotbalono, Aerologiaj observadoj faritaj per kajto kaj mallibera balono, Apudteraeraj observadoj, ĉiuj el 1928.

En finraporto Y. Utida prilaboras observadojn el la 3 jaroj 1927-29 per kajto kaj mallibera balono; ili temas pri alteco kaj dikeco de nuboj, Distribuo de temperaturo kaj malsekeco sub, en kaj super la nuboj; grafikaĵoj sur 3 tabuloj ilustras ĉi tiujn ciferojn. Rich. Schumann.

**E-Asocio de Nordameriko, Fort Lee.**
**„Esperanto Course for beginners in ten lessons“** de J. J. Sussmuth. 34 pĝ., 15 cendoj. N-ro 8 el la libraro de EANA.

Por angle parolantoj bona lernolibro en 10 lecionoj kun vortareto. Bela kovrilo, bona preso, taŭga poŝformato. La verkinto estas malnova pioniro en nia movado.

**Eldonejo Kiboŝa, Tokio.**
„La unua **suplementa legolibro** de Esperanto“ de Kooĵi Taŝiro, 15×21 cm, 98 pĝ., 1932. Prezo nemontrita.

Ĉi tiu ilustrita lernolibro enhavas facilajn dialogojn por pli facila lernado de la lingvo.

**„Socialista Kantaro“**, kolekto da originaloj kaj tradukoj de batalaj kaj popolaj kantoj. Eld. komune Socialista E-Asocio por la germanlingvaj regionoj, Frankfurt, kaj Aŭstria Laborista Ligo E-a, Wien. 64 pĝ., 1932. Prezo ne indikata.

**Literaturo Mondo, Budapest.**
**„La pentroarto en la malnova Hungarujo“** de Genthon Istvan, trad. d-ro Fr. Szilagyi.

Ĉi bela verko tre instruplene pritraktas la evoluon de la hungara religia arto de la tempo de Ludoviko la Granda ĝis la komenco de la Turkaj invadoj. Plej detale ĝi raportas pri la verkoj plej antikvaj, pri Tamos Kolozsvari, pri la Elizabeth-preĝejo en Kassa kaj pri la majstro M. S. Ofte la rilatoj al la germana kaj itala arto samtempe estas priparolataj. Tre salutinda estas la aldono de 102 bildotabuloj, same ŝatindaj la indikoj rilate la prononcadon de la hungaraj nomoj. Ankaŭ kelkaj maloftaj fakesprimoj estas klarigataj.

Lingve la tradukanto kelkfoje vidigas nedecidemon dum elekto inter du esprimoj. La priarta vorto estas „gotika“; „gota“ estas lingvonomo. Krome estas diskutindaj: p. 19 post „kvankam“ sekvas „tamen“, ne „sed“; p. 30 ke artaj monumentoj ŝiriĝas (anst. dividiĝas!) en du partojn (grupojn), estus tre bedaŭrinda okazaĵo!; p. 43 opinii kiel (anst. simpla nominativo); p. 53 artisto eble ne „agadas“ sed verkas; p. 55 komenc (iĝ)-inta; 56 Sankta Barbara estas ino, do „ŝi“ disputas; 59 linio 5 de sube gviditaj (rilitas al „kanajloj“); 66 de kiu la stilo rememorigas la gotik(ec)on -kies gotik(ec)on la stilo ktp. (kun la teksto komparu la francan frazon: dont le style seulement non rappelle le gothicisme); 67 rilate anst. relative. Pri kelkaj laŭmodaĵoj kaj sendubaj preseraroj mi silentu. D-ro W. Biehler

**Ekrelo, Leipzig.**
Du pluaj broŝuroj.

La unua de la du kajeretoj priparolas la rilatojn inter la rusa Oktobra revolucio kaj la diversaj religiaj societoj. La aŭtoro pravas konstatante, ke ili estas kontraŭaj fortoj, sed li certe ne havas kaŭzon indigni pro tio, ĉar — laŭ aserto de iamaj dumelektaj Vienaj plakatafiŝoj — „nur la plej grandaj bovidoj mem elektas siajn buĉistojn.“ Interesa estas la mencio de la diversaj fazoj de „Sovetiĝo“.

Profesoro Jirkov en alia pli valora verko pridiskutas la demandon „Kial venkis Esperanto?“ kaj respondas: ĉar ĝi ne pereis pro la lingva skismo kaj montris sin taŭga kiel spirita batalilo. Precipe ŝatinda estas la priparolado de la aliaj du sistemoj Ido kaj Volapük laŭ taŭgeco. La rimarkoj rilate la „kulton“ de Zamenhof estas kompreneblaj por „ekrelaĵo“ sed ne ĉiurilate aprobindaj.

La stilo de la dua verko entute kontentigas (mi notis precipe la erarojn ‚de kie tamen‘ anst. ‚de kie do‘ kaj li fariĝis (anst. estis venkita.). En la alia krom la ofta forgeso de artiklo kaj pronomo la ĉefaj malĝustaĵoj estas p. 8 ‚disbati ŝtaton‘ oni ne povas, nur ‚forigi‘; ‚ajna‘ por ‚kiu ajn‘, p. 11 dank al sekvetero estiĝis malsato! p. 13 oni

,priparolas' ion, sed nur ,diras ion', p. 25 kio estas ,el paŝo' kontraŭ io?
D-ro fil. W. Biehler.

**Kloepffer Walter: Vagabondo kaj sinjorino.** Romano. El la germana lingvo trad. Ludwig Goppel. 1931. 8⁰. 204 pĝ broŝ· (Orig.: Der Vagabund und die Dame. Leipzig. W. Goldmann-Verlag, 1929.)

Sprita aŭtoro, penetrinta en la modernan vivon, donacis al ni ĉi tiun tre interesan aventurul-romanon. Altmoralan! ni diru tuj, por ke la titolo ne erarigu vin. Tial ĝi estas — por homoj maturaj — enhave valora, konsola. Sed ankaŭ lingve valora ĝi estas, ĉar la tradukinto estras la stilon tial, ke oni volonte neatentas kelkajn korekteblaĵojn. Ankaŭ la uzo de proksimume cent neologismoj ne ĝenas, bone klariĝantaj el la kunteksto resp. parenteze. Ankaŭ tri dekduoj da lertaj derivaĵoj novaj igas leganton profiti; kelkajn nelertajn, kelkajn germanismojn li trovos mem kaj volonte pardonos. Eble nur la trouzo de mal- (anst. ne-) kaj -eco (anst. -o) restas riproĉinda. Sed ni restu dankemaj al la eldoninto: Nur unu frazo neglata, nur tri preseraroj sur 200 streĉatentigaj paĝoj, kiuj egale prezentas ĝuon kaj instruon diversan riĉmezure. Resume: Libro, kiuno ni volonte relegos kaj tial aĉetu.
Walter Smital-Wien.

**Japana E-Asocio, Tokio.**
**„Ora Masko“** de Rampo Edogaŭa, trad. J. Ŝimomura. Vol. I. 13.5×19 cm, 110 pĝ., 1931.

IEA eldonis novan verkon de Edogaŭa, enhavanta kriminalajn rakontojn, kiuj aperis en la japana ĵurnalo King. Por Eŭropanoj tre interesa legaĵo. Ni atendas kun ĝojo la solvon, nome la duan volumon. Belega eksteraĵo, nigratole bindita kun ora surpreso, desegnita de T. Marimoto.

**Eldono de „Oomoto Internacia“.**
**Domo de Homamo.** Projekto de Majstro Onisakro Deguĉi. — Temas pri alvoko je monkolekto por konstruo de templo, kie povus adori la homoj Lin, „kiun ĉiuj malsame prezentas, sed ,ĉiuj egale en koro ja sentas“. La projekto alie certe estas bona, la demando nur estas, kiam la toleremo de religiaj partioj ebligos ĝin kaj ĉu valoras la iniciado de verko, de kiu sendube ne profitos la veraj idealistoj inter la diversspecaj kredantoj. La tempo, kiam oni adoros „nek sur tiu ĉi monto nek en Jeruzalemo“ laŭ mia opinio bedaŭrinde ne jam venis.
D-ro phil. Wolfgang Biehler.

**Franckh'sche Verlagshandlung, Stuttgart.**
**„Leitfaden der Weltsprache Occidental“** de Karl Janotta, 10.5×15 cm, 80 pĝ., prezo Rm —.80. Lehrbuch mit Wörterverzeichnis.

**BES-a Adresaro de esperantistoj el ĉiuj landoj.** 10-a eldono, 1932. Prezo S 2.— afrankite. Havebla pere de AE.

Sur 100 paĝoj vi trovas en ĉi tiu tre ŝatata adresaro pli ol 1100 adresoj el ĉiuj kontinentoj kun indiko, pri kio ili deziras korespondi, kion ili interŝanĝas ktp. Aliĝo kun Adresaro kostas S 2.— por la 11. eld. Ne preterlasu la okazon, ke ankaŭ via adreso enestu.
St.

**Univ. Homama Asocio, Kameoka, Kioto-Hu, Japanujo.**
**„La konfliktoj en Manĉurio kaj Ŝanhajo“,** 50 pĝ., 1932, 2 respondkup.

En la antaŭparolo UHA diras, ke ĝi deziras doni pli klaran bildon pri la vera stato de la aferoj en la Oriento. La enhavo: La konfliktoj kaj pri la agado de UHA en Ĉinujo, estas tre interesa kaj skribita en bona E. Mendu!

**Eld. N. Szapiro, Warszawa, Nowolipki 8.**
Nova serio da noveloj, tradukitaj kaj originalaj **„Esperantilingva Novelbiblioteko“,** redaktata de Leono Vienano.

**„Eksigo“** de N. Jeruŝalmi estas la unua novelo de la serio; 40 pĝ., verda kovrilo, 1932, prezo sv. fr. 0.45.

**Sennacieca Asocio Tutmonda-Paris.**
„Unua Legolibro“, 100 pĝ., 12×17 cm, 1932. Prezo 1 Rm. Presejo A. K. Perschak, Wien.

N. Bartelmes kompilis rakontojn, aperintajn en kelkaj jarkolektoj de sprita SAT-gazeto „La Lernanto“, en ĉi tiu belaspekta libreto. Post ĉiu historieto, al kiuj estas aldonitaj bildoj, estas farataj „Lingvaj rimarkoj“.

## Kie oni renkontas E.-istojn?

**Graz.**
Esp.-Verein für Steiermark, Geschäftsstelle (oficejo) Schönaugasse 6/II, Vereinsheim (kunv.) Bürgergasse 4, Fr (v) 20-23 h.

**Linz.**
Oberösterr. Esp.-Verein: Gasthaus Stadtgut, Volksgartenstraße.

**Steyr:**
Oberösterr. E.-Verein: Gemeinschafterheim, Schlüsselhofstr., Fr. (v.), 20 h.

**Wien.**
Katolika Unuiĝo E.-ista en Wien, I. Freyung 6 (Schottenpfarrkanzlei) Mi (me) 18—20 h.
Esp.-Unuiĝo-Wien, I., Schubertring (kafejo Kolowrat) Fr. (v.) 19.30 h.
Esp.-Verein der städt. Angestellten Wiens, IV., Schäffergasse 3, ĉiutage 17—19 h.
Vienna Akademia Unuiĝo Esp. VII., Neubaugasse 25 (Kafejo Elsahof), Mo (l) 19-23 h.
Esp.-societo „Fideleco“, Café Zoglmann, XVIII., Staudgasse 1, Di (m), 16-19 h.

Posedanto, administranto, eldonanto kaj respondeca redaktoro Regierungsrat Hugo Steiner, Bisamberg, Bundesstr. 154. — Presejo: S. Falk, Wien, XIII, Nobilegasse 4.